juna amiko
INTERNACIA LERNEJA ESPERANTO–REVUO
SEPTEMBRO 1984
11a JARO N-ro 3 (33)



# Pupoj kaj pup'istoj

juna amiko

Nemzetközi eszperantó diáklap

Megjelenik évente háromszor

XI. évfolyam

84/3. szám

Felelős szerk.: Princz Oszkár

Kiadja a Magyar Eszperantó Szövetség Budapest Kenyérmező u. 6. 1081

Felelős kiadó: Vaskó Tibor

Készült a MESZ Sokszorosítóban 85-0149

Kiad. eng. sz.: III/IFJ/30/1976.

ISSN 0230-1318

*

TASKO
DE ĈIU
ESPERANTISTO:
PROPAGANDI
LA REVUON
INTER LA
KOMENCANTOJ!

JUNA AMIKO, red. O.Kníchal, Budaörs, Patkó u. 3., Hungario

Pri la enhavo de la revuo skribu al la redakcio, pri la administraj aferoj turnu vin al Hungara E-Asocio. ABONOJ: en la socialismaj landoj ĉe resp. landaj asocioj aŭ aliaj kompetentaj instancoj, en aliaj landoj ĉe Universala Esperanto-Asocio, Rotterdam. Prezo 5,70 guld.

Du aŭtoroj el Danlando kunvenis sur la proksimaj paĝoj: la elstara Esperanto-poeto Poul Thorsen, kiu tradukis por vi poemon de sia samlandano M. Borup kaj Hans Christian Andersen, kies rakonton La virineto de maro tradukis antaŭ pli ol okdek jaroj la aùtoro de Esperanto, L.L.Zamenhof. Per tiu ĉi zamenhofa traduko *ni omaĝas la 125-an datrevenon de la naskiĝo de doktoro Esperanto.*

Al la regno de pupoj kaj pupistoj ekskursis per siaj rakontadoj Spomenka. Ŝtimec el Jugoslavio kaj la konata Esperanto-pupteatristo Roberto Bánky el Hungario. Ĉu vi jam vidis liajn pupojn?

Krom tradiciaj distraĵoj certe konvenos aventura historio el la brazila ĝangalo, daŭrigo de la prikomputa serio kaj la meditado pri la fervoja horaro...

O. Kníchal

---

Sur la kovrilpaĝo: El la pupteatra prezentado de R.Bánky Mil kaj unu nokto.

*Marinus Borup*

# *Matena suno*

*Levas sin matena sun'*
*sur ĉielo varme,*
*ridas al la verda hum'*[1]
*kaj al infanoj svarme.*[2]

*En Afriko nigra Sam,*
*sveda, hela Lina.*
*Jens bon-farta*[3] *en Danland'*
*kaj magra*[4] *Mingo ĉina.*

*Nigraj, blankaj, flavaj nun*
*el lern'ejo iras,*
*sentas kisojn de la sun'*
*kaj palpebr'ume*[5] *miras.*

*Suno kisas frunte de*
*infan'aro sia:*
*Estu bonaj, tiel ke*
*la Tero restu via.*

*Melodio de Jorgen Jersild* *El la dana: Poul Thorsen*

1/ plej-supro de la tero, 2/ amase mov'et'igi kaj sku'et'igi, 3/ esti sana, en bona stato, 4/ mal--dika, 5/ rapide fermi kaj malfermi okulon.



Antaŭ 125 jaroj, la 15an de decembro 1859, nask'iĝis en la pola urb'eto Bialystok Lazaro Ludoviko Zamenhof. En tiu ĉi urb'eto li jam en sia frua infan'aĝo ĉiutage vidis, kiel poloj, germanoj, judoj kaj rusoj vivas en sen-ĉesa mal-amo, unu kontraŭ la alia.

La juna Lazaro Ludoviko pensis, ke ili ĉiuj povus vivi pace, se ili komprenus unu la alian. Tiu ideo donis sencon al lia tuta vivo. Li decidis efektiv'igi ĝin. En 1887 aperis lerno-libro de la Lingvo Internacia de d-ro Esperanto, sub kiu nomo oni komprenas de tiam la lingvon de Zamenhof. Jam en la unuaj jaroj Zamenhof esperant'igis multajn librojn de la el-staraj aùtoroj, inter-alie ankaŭ rakontojn de Hans Christian Andersen. La vir'in'eto de maro — el kiu vi povas legi la finan parton — aperis en Esperanto la unuan fojon en la jaro 1903.

*H.Ch.Andersen*

# La vir'in'eto de maro

Ankoraŭ unu fojon ŝi ek-rigardis la reĝ'idon per rigardo duone esting'ita,[1] ĵetis sin de la ŝipo en la maron kaj sentis, kiel ŝia korpo sin turnis en ŝaŭmon.[2]

Nun la suno lev'iĝis el la maro, kviete kaj varme falis ĝiaj radioj sur la mal-varman mal-vivan ŝaŭmon kaj la reĝ'id'in'eto de maro sentis nenion de la morto.[3] Ŝi ek-vidis la sunon kaj proksime super ŝi flug'etis centoj da tra-vid'eblaj bel'egaj est'aĵoj; ŝi povus tra ili vidi la blankajn velojn[4] de la ŝipo kaj la ruĝajn nubojn sur la ĉielo. Ilia voĉo estis kiel sonor'ado de sferoj,[5] sed tiel spirita,[6] ke nenia homa orelo povis ĝin aŭdi, kiel ankaŭ nenia tera okulo povis vidi tiujn ĉi ĉielajn est'aĵojn. Sen flug'iloj ili sin port'adis tra la aero danke sian propran facil'econ. La vir'in'-eto de maro vidis, ke ŝi havas korpon tian kiel ili, kiu ĉiam pli kaj pli sin lev'adis el la ŝaŭmo.

– Al kiu mi venis? ŝi demandis, kaj ŝia voĉo sonis kiel la voĉo de la aliaj est'aĵoj, tiel spirite, ke nenia tera muziko povas ĝin re-prezenti

– Al la fil'inoj de la aero! respondis la aliaj. La vir'ino de maro ne havas sen-mortan animon kaj neniam povas ĝin ricevi, se ne prosperis[7] al ŝi akiri[8] la amon de homo! De fremda potenco[9] dependas ŝia eterna[10] ekzist'ado. La fil'inoj de la aero ankaŭ ne havas sen-mortan animon, sed ili povas ĝin akiri al si mem per bonaj faroj. Ni flugas al la varmaj landoj, kie la brul'anta spiro de la pesta[11] aero mort'igas la homojn; tie ni blov'et'ados mal-varm'eton. Ni dis-etendas[12] la bon-odoron de la floroj tra la aero kaj al-portas re-freŝ'igon kaj san'igon. Se ni en la daŭro de tri-cent jaroj pen'adis fari ĉion bonan, kion ni povas, tiam ni ricevas sen-mortan animon kaj prenas parton en la eterna feliĉo de la homoj. Vi, mal-feliĉa vir'in'eto de maro, el la tuta koro ĉiam labor'adis al tiu sama celo kiel ni, vi suferis kaj paciencis,[13] vi lev'iĝis nun al la mondo de la spiritoj de la aero, nun vi povas mem akiri al vi post tri jar-centoj sen-mortan animon per bonaj faroj!

La vir'in'eto de maro levis siajn tra-vid'eblajn brakojn al la luma suno kaj je la unua fojo ŝi sentis larmojn.[14] Sur la ŝipo de-nove regis bruo kaj vivo, ŝi rimarkis, kiel la reĝ'ido kun sia bela fianĉ'ino ŝin serĉas, mal-gaje ili direktis siajn okulojn sur la ondantan[15] ŝaŭmon, kiel se ili scius, ke ŝi ĵetis sin en la maron. Ne-vid'-ate[16] ŝi kisis la frunton[17] de la fianĉ'ino, rid'etis al la reĝ'ido kaj levis sin kun la aliaj infanoj de la aero al la roze-ruĝa nubo, kiu naĝis en la aero.

– Post tri-cent jaroj ni tiel trans-flug'etos en la regnon[18] ĉielan!

– Eĉ pli frue ni povas tien veni! diris unu el la spiritoj de la aero. Ne-vid'ate ni en-flug'etas en la domojn de la homoj, kie estas infanoj, kaj por ĉiu tago, en kiu ni trovas bonan infanon, kiu faras ĝojon al siaj ge-patroj kaj meritas[19] ilian amon, Dio mal-long'igas al ni nian tempon de prov'ado. La infano ne scias, kiam ni flugas tra la ĉambro, kaj kiam ni el ĝojo pro tiu infano rid'etas, tiam niaj tri-cent jaroj perdas unu jaron, sed se ni vidas mal-bon-kondutan[20] kaj mal-bonan infanon, tiam ni devas plori larmojn de mal-ĝojo, kaj ĉiu larmo aldonas al nia tempo de prov'ado unu tagon!

Tradukis L.L.Zamenhof

---

1/ kion oni mal-lum'igas, 2/ blanka supro de la ondo, 3/ mal-vivo, 4/ ilo por kapti la venton kaj antaŭen'igi akvo-vetur'ilon, 5/ ekster-teraj profundoj, 6/ ekster-korpa, 7/ sukcesi, 8/ gajni, 9/ forto, 10/ por-ĉiama, 11/ pesto-epidemia mal-sano, 12/ dis-meti, 13/ trankvile el-teni, 14/ kio fluas el la okuloj, 15/ kio ond'iĝas; ondo – kio montras mov'iĝon de akvo, 16/ sen esti *vid'ebla*, 17/ *parto de la kapo super okuloj*, 18/ *regiono*, 19/ *esti inda je io*, 20/ *sin teni* ia-maniere.

*Spomenka Štimec*

# La festo de pupoj

Ĉu vi scias, kio estas PIF? Ĉiu litero[1] en tiu mal-long'igo rilatas[2] al unu vorto, kiun la infanoj ŝatas: P por „pupo",[3] I por „inter-nacia", F por „festivalo". Festivalo estas granda festo. Pri-pensu, kiel granda kaj plaĉa povas esti – festo de pupoj! Tia festo okazas jam 17 jarojn en Jugoslavio. Ĉiu-jare venas al la jugoslavia urbo Zagrebo novaj pupoj. Tiuj pupoj estas iom ne-ordinaraj: ili ne estas pupor el infan-ĉambro, sed pupoj el teatro, el pup-teatro. Kaj kie estas pupoj, tie estas ankaú pup'istoj. Ĉar la pup'istoj instruas al siaj pupoj iri, kuri, flugi, paroli kaj ridi. En aúgusto 1984 venis al Zagrebo tuta armeo da pupoj el 10 landoj. Pupoj el 19 pup-teatroj ludis tie en 57 teatr'aĵoj. Multaj pupoj ludis en Esperanto. La armeon da pupoj venis viziti alia armeo: 11.000 homoj kolekt'iĝis por renkonti la pupojn.

**Pupo Alica de la teatro Mondovi el Ravenna, Italio, kiu parto-prenis en PIF 84.**



La plej bona pup-teatr'aĵo ricevas premion.[4] Infanoj el Hungario, Bulgario kaj Jugoslavio decidis pri la premio. Al ili plej multe plaĉis la teatr'aĵo „Polly" el la kanada urbo Vankuvero. La plej interesa pupo estis Polly, ĉarma knab'ino, kiu ŝatas ludi, vesti ĉapelon kaj ŝuojn de sia patr'ino. Ŝiaj „ge-patroj" Luman kaj Arlyn Coad instruis multon al ŝi: eĉ dormi ŝi scias. Kiam vi rigardas ŝin, vi forgesas pri fadenoj,[5] kiuj pendas de la manoj de ŝia pup'ista patro. Polly mov'iĝas per fadenoj, kiujn oni ligis al ŝia korpo. La alian fin'aĵon de la fadeno tenas ŝia „patro".

La pupo, kiu mov'iĝas per fadenoj nom'iĝas marioneto. Aliaj pupoj ek'vivas, kiam pup'isto metas ilin sur sian manon, kvazaŭ ganton.[6] Ili nom'iĝas gant-pupoj. Iuj pupoj ek'vivas, kiam pup'isto movas bastonon,[7] sur kiu staras la pupo – baston-pupo. En Japanio ekzistas pupoj, kiujn oni movas per piedoj. Tian pupon pup'isto sur-vestas kvazaŭ ŝuon!

Mir'inda estas la mondo de pupoj. Ĉu vi ne kredas? Venu foje al Zagrebo. En 1985 la pupoj estos kun ni de la 24-a de aŭgusto ĝis la 1-a de septembro. Vi povos loĝi ĉe iu lern'ej'ano, esper'ant'isto. Se la invito plaĉas al vi, tiam skribu al vi, tiam skribu al Internacia Kultura Servo, Yu 41000 Zagreb pf 499, Jugoslavio.

---

*1/ la plej mal-granda parto de la vorto, 2/ havi ion komunan, 3/ lud'ilo kiu havas homan aŭ* bestas figuron kaj kiun oni lau-plaĉe movas, 4/ rekono al la plej indaj, 5/ mal-dika longa aĵo por kudri, 6/ man-vesto, 7/ longa peco el ligno.

# MIAJ NOMOJ

Mi estas pup-lud'isto kaj esperant'isto kaj mi ofte prezentis pup-ludojn en diversaj landoj por la esperant'istaj ge-jun'uloj.

Plej ofte mi parto-prenis la ĉiu-jaran esperant'istan pup-teatran festivalon en Zagrebo – kaj kun mia teatra grupo kaj kiel sol'isto.

Kiam mi unua-foje gast-ludis tie, mi prezentis pup-danc'ig'adon per du pupoj, kiuj estis nigr'uloj. Unu nigr'ulo estis en mia dekstra mano, la alia en la mal-dekstra kaj ambaŭ nigr'uloj dancis kaj muzikis. La juna publiko donis la mi la nomon „Roberto, la du nigr'uloj".



Sed post kelkaj jaroj mi ricevis la novan nomon. Tiam mi estis ĵuri'ano[1] kaj kun-laboris kun japan'ino, kiu lernis en Budapeŝto, sekve ŝi same bone parolis Esperante kaj hungare. La ge-knaboj aŭdis, ke ni parolis la du lingvojn mikse[2] kaj donis al ni la nomon „La du hungar'uloj". La trian mian nomon mi ricevis unu jaron pli poste, kiam kun la teatra grupo mi prezentis best-rakonton. Post la prezent'ado unu knab'in'eto diris al mi: Saluton, Anas'eto![3] Ĉiuj pup-aktoroj dum tiu festivalo nomis min Sinjoro Anas'eto.

Dum ĉiu festivalo ag'adis infana ĵurio, kies anoj estis el diversaj landoj. Iu ĵuri'ano estis de-naska esperant'isto, ĉar la patro estis franca, la patr'ino jugoslava kaj ilia komuna lingvo estis Esperanto. La feliĉa filo flue parolis tri lingvojn.

Li demandis min: – Roberto, ĉu vi vere sola parolas per tri voĉoj malantaŭ kuliso?

– Jes, – mi respondis –, mi estas sol'isto.

– Ankaŭ mi tre-ege ŝatus esti tri-voĉa! Mi posedas[4] tri lingvojn, sed nur unu voĉon.

Poste, dum la festivalo la ge-knaboj komencis nomi min „Sinjoro tri-voĉa".

En Uppsala, Svedujo, mi parto-prenis inter-nacian festivalon, kie, kvankam sen koni la svedan lingvon, mi ek'lernis la tutan tekston svede, ĉar mi kredis, ke la tiea publiko ne komprenos alian lingvon.

Antaŭ la unua prezent'ado telefonis al mi la estro de la Uppsala Esperanto-grupo, ke ili ĉiuj vizitos mian programon kaj petis min ludi en Esperanto.

Mi klopodis[5] plen'umi lian deziron kaj mi parolis mikse la svedan kaj Esperantan tekston, kio kaŭzis grandan sukceson. La grup-estro dankis al la festivala direktoro pro la konsento pri la Esperant-lingva prezent'ado. La direktoro respondis: – Estas interese, ke iam tiu ĉi Esperanta lingvo vere similis al la sveda.

El tio mi sentis, ke mia sveda el-parolo ne povis esti alt-kvalita, tamen, ĝoj'igis min tio, ke poste la svedoj, kiuj gast'igis min, al-parolis min „Sinjoro Esperanto" kaj mult-foje demandis min pri Esperanto.

Kaj dum la sekva pup'festivalo en Zagrebo mi jam re-vidis la tutan svedan pup-teatron, kiu ankaŭ ludis Esperante.

Ĉu povas atingi pli pup'isto, kiu estas sam-tempe esperant'isto?

---

1/ kiu ion pri-juĝas, 2/ sen-orde, inter-ŝanĝe, foje tiel, foje alie, 3/ kort-birdo, 4/ sci-povi, 5/ zorgi

# LA JUST'ECO

Kvankam li estis jam pli ol ok-dek--jara, li ĉiam akompanis[1] min, kiam mi vizitis tiun mal-grandan urbon en Brazilo. Sen-sukcese mi prov-adis ek--scii lian familian nomon. Oni nomis lin simple Vincento.

– Ho, sinjoro, li ĉiam kutimis diri – ankoraŭ ekzistas just'eco en la mondo! Lia propra sorto[2] donis al li la rajton juĝi pri tio, ĉar li tra-vivis la mal-gajan vivon de sklavo.[3] Li ne estis sola. En Brazilo estis miloj da nigr'uloj, kiuj multajn jarojn vivis en sklav'eco.

Ni manĝis nian simplan tag-manĝon. Poste mi sidis apud Vincento kaj ofertis[4] al li tabakon.[5]

– Ho, sinjoro, vi donas al mi tabakon – certe vi volas ion de mi!

– Jes, mi volas scii, kia estis via vivo, kiam vi estis ankoraŭ...

– Do, vi volas scii, kia estis la vivo de sklavo?

Mi kap-jesis kaj la mal-jun'ulo ek--brul'igis cigaredon,[6] kiun li faris per siaj fingroj. Kaj li komencis rakonti.

– Tio de-pendis de tio, ĉe kiu oni vivis. Miaj ge-patroj estis sklavoj de sinjoro Don Calla de Harrero. Tie ili vivis sufiĉe bone. La mastro ne permesis, ke la gard'istoj nin batu kaj ankaŭ la manĝ'aĵo estis sufiĉa. Sed kiam la fil'ino de la mastro edz'in'iĝis al la najbaro, ŝi kun-prenis ankaŭ kvin sklav'-inojn. Inter ili estis mia frat'ino. Mi estis tiam dek-ok-jara kaj la frat'ino Elva dek-kvin-jara. Mian frat'inon mi tre amis kaj mi petis la mastron, ke li ne donu ŝin al la najbaro. Sed li na aŭskultis miajn petojn.

Foje ni laboris sur kampo[7] apud la la arb'aro. Subite ŝajnis al mi, kvazaŭ iu min vokus: Vincento, Vincento! Mi iris post la voĉo kaj profunde en la en la arb'aro mi trovis mian frat'inon. Ŝi sidis tim'eme ĉe arbo.

– Kia-maniere vi venis tien ĉi? Kio okazis? La respondon mi ne bezonis. Sur ŝia dorso mi vidis post-las'aĵojn de vip'ado.[8] – Kiu faris tion al vi? Kial? La gard'isto batis ŝin, ĉar si pied-premis la gard'istan skatol'eton[9] kun alumetoj,[10] kiu kuŝis sur la tero.

Ŝi for-kuris. Tio estis granda kulpo. Sklavon, kiu for-kuris de sia mastro, oni persekutis[11] kiel danĝeran beston. Mi prenis ŝin je la mano kaj tir'egis for. Ni kuris. Kelk-foje ni aŭdis la voĉojn de tiuj, kiuj persekutis nin. Post-tag--meze la frat'ino jam ne havis la forton por iri plu. Antaŭ ni estis rivero, en kiu ni ek-vidis multajn aligatorojn.[12] Mi certe estus kapabla atingi la alian bordon. Sana Elva certe ankaŭ. Sed la batoj ŝin ege doloris. Jam ni aŭdis boj'-adon[13] de la hundoj de la homoj, kiuj persekutis nin. Ni ne povis atendi. Tuj apud la rivero staris arbo, de kies branĉoj[14] pendis longaj lianoj.[15] Mi elektis unu tre dikan, al-tiris ĝin al mi kaj rapide klar'igis al Elva, kion mi volas

ŝari. Per siaj lastaj fortoj ŝi sur-grimpis[16] la arbon. Ŝi ĉirkaŭ-prenis min kaj mi ek-puŝis min for de la arbo. Per longa flugo ni atingis la transan bordon.

Post momento ili ek-vidis nin. Kun kri'ego ili kur'adis laŭ la bordo. Unu el ili komencis grimpi sur la arbon. Li volis atingi la transan bordon same kiel ni. Mi premis en la mano mian tranĉ'ilon – mi decidis ataki[17] tiun ulon tuj, kiam liaj piedoj tuŝos la teron. La viro ek-prenis longan lianon, ek-puŝis sin, sed – li terure ek-kriis – la liano dis-ŝir'iĝis. La viro falis en la riveron. Baldaŭ kelkaj teruraj buŝ'egoj ek-kaptis lin. Elva, kiu sen-spire premis sin al mi, diris: – Estis gard'isto, kiu batis min.

Vincento silent'iĝis kaj rigardis ien en la urbon...

– Jes, ekzistas justeco en la mondo, sinjoro!

O. Batlicka
(Tradukis kaj adaptis D. Berndt)

---

1/ ir'adi daŭre kune kun iu, 2/ tio, kio devas okazi pri iu aŭ io, 3/ homo sen rajtoj, hav'ajo de la alia homo, 4/ igi iun akcepti ion, 5/ ajo por fumi, 6/ tabako, kiun oni en-volvis en paperon, 7/ ter-peco, 8/ vipo – bat'ilo, 9/ uj'eto, 10/ brul'ig'ebla ligno-pec'eto, 11/ post-kuri iun aŭ ion por atingi, 12/ similaj al krokodiloj, 13/ kri'ado de hundo, 14/ brakoj, 15/ lign'eca kresk'aĵo, 16/ supren-tiri sin, 17/ eki batalon kontraŭ iu aŭ io.



# Kion kapablas komputilo

La komput'iloj trov'iĝas en multaj homaj ag'adoj. La amasa apero de mikro-komput'iloj proksim'igis la komput'adon al la homoj. La komput'iloj komencas trans-formi eĉ la ĉiu-tagan vivon de la homoj, ĉefe en Usono, Japanio kaj en iuj okcident-eúropaj landoj.

La granda nov'aĵo ĉe komput'iloj, kompare kun la aliaj maŝinoj, kiuj anstataŭ'igas korpan laboron de la homo aú besto, estas, ke ili faras „intelektan" laboron: ili legas, skribas, kalkulas, „memoras", ŝak-ludas kaj eĉ kreas „art'aĵojn". Ni vidas, ke tio estas ĉiutagaj aferoj. Tio, kion oni povas klare ordoni paŝo post paŝo al la maŝino, estas fari *algoritmon* por ĝi. Tia-maniere la komput'iloj ne nur helpas aŭ anstataŭ'igas la homan laboron, sed ili eĉ faras ĝin pli bone, ĉar ili ag'adas

– pli *rapide* (faras la laboron de multaj homoj dum la sama tempo, aú la saman laboron ili plenumas dum multe mal-pli da tempo)

– pli *precize* (la elektroniko estas pli



MIKROMAGAZIN

atent'ema ol la homo, do kutime ĝi ne eraras)
– pri-laboras *multajn* dat'umojn kaj atentas multajn informojn (kio estas por la homo tro komplika kaj erar'iga)
– *komplekse,* t.e. ili elektas la plej bonan respondon aŭ solvon el ĉiuj eblaj
– tie, kie estas danĝero por la homo, la komput'ilo laboras *sen inter-rompo* kaj same bone kiel alie.

Jen la ĉefaj regionoj, kie la komput'iloj utilas:

**1. Industrio**

Ĝis kiam iu produkto (maŝino, vesto, dolĉ'aĵo ktp.) estas preta, ĝi iras tra la manoj de multaj homoj, kiuj ne laboras same rapide kaj same bone. Ju pli granda estas la fabriko kaj ju pli komplika la produkt'ado, des pli mal-facile estas kun-ord'igi la laboron. La *aŭtomataj maŝinoj kaj maŝin'aroj,* kiujn direktas kaj kun-ord'igas komput'iloj, plen'umas la produkt'adon de la unua ĝis la lasta paŝo, sen homa inter-veno, tre rapide kaj precize. La danĝerajn laborojn faras t.n. industriaj robotoj, manipul'iloj.

**2. Administr'ado**

La ofic'eja laboro postulas multe da atento. Mal-granda eraro povas havi grandajn sekvojn. Estas multe pli agrable sidi antaŭ mikro-komputilo, en'igi dat'umojn pri diversaj aferoj kaj aĵoj, personoj ks. kaj poste lasi al la maŝino rapide kun-kalkuli, obl'igi, ord'igi kaj sistem'igi.

**3. Teksto-redakt'ado**

Ankaŭ la administran laboron multe helpas la teksto-redakt'ado per komput'ilo. Oni ne devas re-komenci leteron post ĉiu eraro, ĉar eblas ĝust'igi,



for'igi aŭ en-meti literojn, vortojn aŭ eĉ pli. Se oni sendas similajn leterojn al multaj personoj, sufiĉas en'igi nur la novan parton kaj la komput'ilo skribos diversajn leterojn mem. Eblas kun-meti dokumenton el kelkaj partoj. Eblas ŝanĝi ankaŭ la formon. Tiel oni preparas ekzemple la tekston de vort'aro, kiun la komput'ilo helpas trans-formi je libro.

**4. Publikaj servoj**

Per komput'iloj eblas kun-meti grandajn *centrajn dat'um'arojn* pri la plej diversaj informoj, ek-de la programoj de kin'ejoj ĝis medicinaj dat'umoj de mal-san'uloj. Laŭ peto la komput'ilo elektas kaj grup'igas informojn. Scienc'-istoj povas havi informojn, kiujn ili bezonas. Komerc'istoj ek-scias pri la kostoj, kurac'istoj pri mal-san'uloj. Komput'ilo helpas ankaŭ rezervi bileton por aviad'ilo aŭ hotel-ĉambron.

**5. Instru'ado**

Instru'isto ne povas kontroli ĉiujn lernantojn (klas'anojn), aparte okup'-iĝi pri ĉiu el ili. La komput'ilo donas taskon por el-labori kaj poste kontrolas la pret'igon. Se la lern'ej'ano eraras, ĝi ne koleras, nek ridas, sed montras la ĝustan solvon kaj ripetas la taskon kun aliaj dat'umoj, ĝis kiam la lern'ej'ano respondas bone.

**6. Pri-laboro de parolo**

Komput'iloj ofte trans-prenas la rolon de homo, sed ili restas maŝinoj. Jam ekzistas komput'iloj, kiuj kapablas paroli – ilia voĉo estas iom stranga, sed kompren'ebla.

Komput'ilo donas novajn ebl'ecojn eĉ por la muziko. Elektronika muziko ek-dis-vast'iĝas. Kiel bone estus, se per la voĉo oni povus ir'igi maŝinojn, en'-igi dat'umojn kaj inter-paroli kun la komput'iloj! Eksperimentoj montras, ke tio eblas.

**7. Maŝina traduk'ado**

Informoj mult'iĝas pli kaj pli, oni povas ofte eĉ ricevi ilin el bibliotekoj kaj pere de komput'il'aroj. Sed super-flue, se oni ne komprenus ilin! Estas mal-multe da tempo kaj mono por traduki (el unu lingvo en la alian) eĉ la plej gravajn. Lingv'istoj kaj komput'-istoj provas labor'igi tiu-rilate la kom-



put'ilojn, kies ag'ado iĝas pli kaj pli mal-multe-kosta kaj ĉiu-taga.

## 8. Bildo-pri-laboro

La komput'ila analizo (pri-laboro) de bildoj donas utilajn informojn. Ekzemple, aviad'ilaj fotoj post tia analizo informas pri la teraj apart'aĵoj, akvoj ktp. Se radiologiajn fotojn analizas la komput'ilo, tiam ĝi helpas al la kurac'-isto mal-kovri mal-sanon.

Kaj ĉiu scias, ke ni devas skribi leg'-eble la poŝtan kodon (numeron) sur la letero, por ke la komput'ilo povu „re-koni" ĝin.

Per komput'iloj oni povas fari eĉ bildojn. Aperis nova arto, la komput'ila grafiko.

## 9. Ludoj!

La plej interesa kaj amuza ebl'eco de komput'iloj por la infanoj kaj ankaŭ por plen-kresk'uloj estas diversaj lud-programoj. Ne nur la homoj ŝak-ludas kun komput'ilo, sed ankaŭ la maŝinoj ludas unu kun la alia. Nask'iĝis tute novaj ludoj, speciale komput'ilaj.

En multaj lokoj la komput'iloj estas tre utilaj, ili liber'igas la homon de longaj sen-interesaj laboroj, aŭ donas novajn ebl'ecojn. Sed ili ne super-flu'igas la homojn; ili povas kaj kapablas fari nur tion, kion la homoj instruas al ili.

Ilona Koutny

Sekvas: *Komputilo kaj Esperanto*



# Mi pens'adas pri la hor'aro

Oni pri-pensu, ke ekzistas pli mal-pli dika libr'eto, kie estas linioj de fer-vojoj, aútobusoj, ŝipoj, aviadiloj de certa regiono. Kompren'eble, ne mankas ankaŭ land-karto. Komence trov'iĝas rimarkoj, kaj se ili estas en Esperanto, tiam oni povas studi eĉ la vetur-hor'-arojn de fremd-lingvaj fer-vojoj. Oni povas serĉi plu-veturan ebl'econ, ĉar ne ĉiam oni povas veturi rekten al la celo, oni povas pri-pensi, kiel rapide aú mal-rapide la vagon'aro veturas, precipe se tie estas ne nur kilometroj, al-veturoj kaj for-veturoj, sed ankaŭ alt'ecoj de lokoj de stacioj. El la land-karto kaj nom'aro de linioj oni ek-konas, kie estas gravaj ŝanĝ-stacioj. Sed ĉu la unua vagon'aro al-veturis ĝusta-tempe? En la rimarkoj estas ja: kutime la persona vagon'aro atendas la vagon'aron, kiu malfru'iĝas 10 minutojn, la rapid-vagon'aro 5 minutojn. Interesa estas ankaú la rimarko: veturas nur sabate. Oni pensas pri aroj da turistoj, kiuj kun dorso-sakoj vojaĝas al diversaj ripoz'ejoj, lagoj, precipe se tiajn lokojn montras la land-karto. El la hor'aro oni povas ekscii, kiel proksime estas la ĉefa kaj la apuda stacioj. La rimarko: vagon'aro veturas nur dum bona vetero – el'vokas demandon: Kio okazas, se ĝi ek-veturis kaj komencis pluvi? Ĉu la vagon'aro daúr'igos sian vojon, aú ĉu ĝi haltos? Se ĉe la nomo de halt'ejo estas rimarko „voj-kruc'iĝo 1 kilometro", tiam oni pensas pri halt'ejo eble en-arb'ara. Eble la domoj estas vid'eblaj, eble nur voj-montr'ilo... Kaj se oni legas... stacio 24 km... halt'ejo 26 km, oni povas eĉ vidi linion preter tiu urb'eto. Tian plezuron prezentas eĉ hor'aroj ne plu validaj (ne uz'eblaj), oni ofte povas trovi liniojn, kiuj ne plu ekzistas, oni povas eĉ re-koni, ĉu la transporto estas pli bona, sed oni povas re-koni eĉ la malon.

*Josef Chvosta*




Du infanoj inter-parolas: Rigardu, miaj piedoj ne estas tiom mal-puraj, kiom la viaj. (Daŭrigo en linioj H.1, V.11, V.23)

*Horizontale:*

9. Du'oblo (R), 10. Akvo sur-strate, 12. Legomon, 15. Kemia simbolo de radiumo 17. Duono de vana, 18. U.N. 19. Signo de turkaj aŭtoj, 20. Poste'ulo, 22. Konsonantoj[1] de repago, 24. Imag'[2], 25. Dek-du monatoj, 26. Scii pri io, 27. Sento, 28. Reen: Model', 30. Tabel'vorto, 31. Greka litero, 32. Uzas ĝin lern'ej'anoj, 34. Du samaj literoj, 35. Manĝ'ebla kresk'aĵo, 37. Atent'igo pri iu aŭ io, 39. Nomo de la edz'ino de Lennon, 40. Poseda pronomo[3], 42. Diris ne, 43. Reen: Ne staru

*Vertikale:*

2. Reen: Itala rivero, 3. Fino de ŝak-ludo (R) 4. Eksperimento, 5. Mal-granda, 6. Inklinon[4], 7. Sin-lav', 8. L.R., 13. Grand'ega akv' (R) 14. Reen: Akv'ero (R), 16. Vir-nomo, 19. Sport', 21. Valora metalo[5] 24. Stono (R) 28. Pak'ado sen ad, 29. Sur kio ni paŝas, 32. Reen: Tut-monda renkont'iĝo de esperant'-istoj, 33. Konsonantoj de vir'ina vest'aĵo, 36. Sovetia rivero (mikse), 38. Du samaj literoj, 41. Romia du

J. Forizs

1/ Literoj kiel b,c,d,f..., 2/ kiom oni pri-pensas, 3/ ekz. lia, ŝia, ilia, 4/ deziro fari ion, 5/ mal-mola aĵo, kiel ekz. fero,

# KANTU!

## Venu en lum-lumon!

(Au clair de la lune)




El la franca: I. Szabó

1/ lum'ig'ilo, 2/ beno - kio esper'igas pri helpo

**Klubo de Legantoj**

LA RUBRIKON GVIDAS
**Josef Chvosta** (ĥvosta)
Leninova 16
CS–290 01 PODEBRADY
Sendu ciun korespondajon
rekte al tiu adreso!

Nia leganto X.Y. sendis al ni kelke da kartoj el sia kolekto de gravaj homoj. Sur ĉiu karto estas supre la nomo kaj sub ĝi aliaj rimark'igoj. Sed X.Y. de-nove volas el-provi nian atenton. Ord'igu ĝuste numerojn kaj nomojn:

1/ GEORGES WASHINGTON (ĝorĝ uoŝington)
la unua prezidanto de Ĉinio ek-de 1911.

2/ PAUL ROBESON (pol robson)
vivis inter 1564-1616 en Britio, skribis multajn teatr'aĵojn.

3/ ISAAC NEWTON (ajzak njuton)
vivis inter 1879-1955 en Germanio kaj Usono, mal-kovris teorion pri relativ'eco.

4/ NIKOLAO KOPERNIK
en la 13a jar-cento vojaĝis en Ĉinion kaj skribis pri tio libron.

5/ DMITRIJ IVANOVIĈ MENDELEJEV
unua prezidento de Usono

6/ VLADIMIR ILJIĈ LENIN
(384-322 antaŭ nia tempo-kalkulo), granda oratoro[1]

7/ KRISTOFORO KOLUMBO
brazila futbal'isto, nask'iĝis en 1940

8/ FERNANDO MAGELHAES (magelanŝ)
la unua vir'ino, kiu flugis en kosma ŝipo

9/ VALENTINA TEREŜKOVA
(1473-1543) pola astronomo, kiu unua instruis pri la sun-sistemo

10/ WILLIAM SHAKESPEARE (viljem ŝekspir)
(1451-1506), itala mar'isto, kiu vojaĝis en hispanaj servoj kaj mal-kovris Amerikon.

11/ SUN JAT SEN
(1898-1970) nigra kant'isto kaj aktoro en Usono

12/ ALBERT EINSTEIN (ajnŝtajn)
(1643-1717), studis matematikon, fizikon kaj astronomion, el-trovis teorion pri gravito.[2]

13/ DEMOSTHENES
(1480-1521), portugala mar'isto, kiu kun tri ŝipoj veturis ĉirkaŭ la mondo.

14/ EDSON ARANTES DOS NASCIMENTO PELE (dus nasimentu)
(1834-1907), sistem'igis kemiajn elementojn[3]
15/ MARCO POLO
(1870-1924), fondis kaj estris la sovetan ŝtaton.

1/ parol'isto, 2/ forto, kiu ĉion tiras al la Tero, 3/ komenca, plej simpla.

* * *

La konkurson en n-ro 29 sukcese solvis ĝis 18.10.1984. V. Pajuk, Ternopil, L. Isajeva, Muromcevo, A. Stoljarskij, Duŝanbe, J. Kuzik Karapciv, kiu sendis solvon de M. Bucajka kaj tiun de Oksana Ŝĉerbak el la n-ro 28, ĉiuj USSR. Gratulon!

*Kiu trovos la vortojn?*

El jenaj silaboj:

a – a – be – bi – bro – de – der – do – e – fan – go – ĝar – ĝo – ka – ko – kom – le – lo – lo – lo – mar – me – mo – na – no – o – ok – pan – po – pra – pro – ran – ro – si – sto – te – to – to – tof
formu vortojn, kiuj havas jenajn signifojn:[1]

1/ Besto kun bela felo,[2] 2/ vend'ejo de kurac'iloj, 3/ ilo por ord'igi harojn, 4/ insekto, kiu produktas mielon, 5/ tago de la semajno, 6/ ĉef-urbo de eŭropa lando,[3] 7/ monato, 8/ tre granda besto, 9/ hejma pied-vesto, 10/ kio estas nun-tempa, 11/ suko[3]-plena frukto, 12/ ter-peco, kie oni kulturas diversajn kresk'aĵojn, 13/ diri, ke oni faros aŭ donos ion.

Se vi skribos la vortojn unu sub la alian kaj legos ĉiam la trian literon de supre mal-supren, tiam vi trovos la solvon[4] (sur la antaŭ-lasta paĝo de nia numero).

---

1/ sencojn, 2/ besta haŭto kun la haroj, 3/ flu'ajo, 4/ respondo al dubo

KIOM DA GLOB'ETOJ? (Solvo de la tasko en la antaua numero):

31 + 19 + 15 + 20 + 18 + 16     *119 glob'etoj sume*

119 - 31 = 88
119 - 19 = 100
119 - 15 = 104
119 - 20 = 99
119 - 18 = 101
119 - 16 = 103

La unua knabo ricevis unu parton, la dua knabo du partojn – glob'etoj, kiuj restis sur la breto, estu divid'eblaj per 2! Tian numeron ni ricevos nur tiam, se *sur la breto restos 20 glob'etoj!*

La unua knabo ricevis 33 glob'etojn: 15-18 pecojn en du skatoloj: la dua 66 glob'etojn: 31-19-16 pecojn en tri skatoloj.

La tasko estas solv'ebla nur per prov'ado!

# LA OKA AZENO

(Popola rakonto el Norda Afriko)

Vivis foje viro, kiu havis sep azenojn.[1] Iu-tage li volis ilin vendi. Antaŭ ol iri al bazaro,[2] li kun-ven'igis la bestojn kaj kalkulis ilin. Ili estis sep.

Sur unu azenon li metis selon,[3] sidiĝis sur ĝin kaj pelis[4] la aliajn al la bazaro. Kiam li al-venis tien, li de-nove kalkulis la azenojn: Unu, du, tri, kvar, kvin, ses. Ho! Ĉu mi kalkulis mal-bone? Li kalkulis ankoraŭ-foje. Unu, du, tri, kvar, kvin, ses. Li ek-timis. Sed kiom-foje li kalkulis, tiom-foje la rezulto estis ĉiam la sama: nur ses azenoj. Tiam li decidis re-iri hejmen kaj lasi sian edz'inon kalkuli la azenojn.

Kiam li re-venis hejmen, li tuj vokis: – He, edz'ino, mi petas vin, kalkulu la azenojn! Mi ĉiam kalkulis nur ses. Sed ankoraŭ hodiaŭ matene estis sep azenoj.

La edz'ino laŭte ek-ridis. – Ĉirkaŭ vi estas vere nur ses – ŝi diris – sed sur la sepa vi sidas kaj la oka estas vi mem. Ni perdis eĉ ne unu azenon, kontraŭe, nun ni havas unu pli. Venu vesper-manĝi, vi sag'ulo!

Tradukis D. Berndt

1/ besto kun longaj oreloj, 2/ vendo-loko, 3/ sid'ilo sur dorso de besto, 4/ ir'igi antaŭ si, 5/ kio nature aŭ logike sekvas el io.




KIIL Tiina, 12. j.lernej'an'ino, 200029 Tallinn, Mustamae tee 82-64, Estonio, Pri arto, danco, naturo, filatelo. * HINTS Ahti, 15.j. lern'ej'ano, 200013 Tallinn, Estonio. Nomme tee 47. Pri historio, lingvoj, muziko, bibliografio, tablo-teniso. * HINDOV Raul, 14. j. lern'ej'ano, 200902 Tallinn, Koondise 9-5, Estonio. Pri naturo. * HINDOV Ruth, 12.j. lern'ej'an'ino (la sama adreso): sporto, bild--kartoj * POLD Anu, 13.j. lern'ej'an'ino, 200023 Tallinn, Lehtla 9. Estonio. Sporto, naturo, bild-kartoj. * VAIK Liis, 13. j. lern'ej'an'ino, 200016 Tallinn, Kaare 19, Estonio. Filatelo, muziko. * KOOR Katrin, 15.j. 200016 Tallinn, Tahe 40 - 6 Estonio. Pri sporto, lingvoj, naturo * LAANJARV Kaido, 15.j. lern'ej'ano, 203054 Laagri, Mannimetsa 36-19, Estonio. Pri fot'ado, sporto, naturo. * KRESMER Katrin, 16.j. 200026 Tallinn, Vilde tee 133-29. Pri sporto, naturo, kalendar'etoj. * RANDI Eve, 17.j. 200034 Tallinn, Sopruse pst. 226-49. Naturo, bestoj, kalendar'etoj. * Attila SZEKELY, 25.j. Tg.Mures, Turod Vladimirescu 47, 4300, Kol.bild-kartojn, librojn, poŝt-markojn. * Pawel KURDEJ, ul. Mokra 33, 05-430 Celestynow, Pollando. Kun 13.j. hungara knabo aŭ knab'ino, kiu kolektas bild-kartojn kaj mon'erojn.

---

*Kiu trovos la vortojn?* (la solvo): 1/ Kastoro, 2/ apoteko, 3/ komb'ilo, 4/ abelo, 5/ mardo, 6/ Prago, 7/ Oktobro, 8/ elefanto, 9/ pantoflo, 10/ moderna, 11/ ornago, 12/ ĝardeno, 13/ promesi.
*Somerá tend'aro*

Ára: 8,- Ft

# HUMURO







–Onklo, ĉu vi ne povus karamboli ankoraŭ unu fojon? ? ?